# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
14-a jaro Kongresa numero N-ro 3 (54) decembro 2015

**●La projekto en la 10-a Movada Foiro**
**●La 12-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj**
**●Sukcese okazis la 2-a foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Kongresurbo"**
**●Saluton al granda kunlaboro**
**●Jara Raporto de la projekto Ĝemelaj Urboj en 2014**

## Enhavo

**1…La projekto en la 10-a Movada Foiro**
**1…La 12-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj**
**2…Sukcese okazis la 2-a foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Kongresurbo"**
**3…Saluton al granda kunlaboro**
**5…Urbestroj kaj la unua UK**
**5…Urbestroj kaj la centa UK**
**6…Salutvortoj de la urbestro de Herzberg**
**7…Letero de la komisiito al la urbestrino de Lillo**
**8…Jara Raporto de la projekto Ĝemelaj Urboj en 2014**

**Kovrilfoto: neoksidebla ŝtala anonctabulo pri la 100-a UK sur strato de Lillo far de J. Coquisart.**

## Funkciuloj de La Projekto Ĝemelaj Urboj

S-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA
S-ino Barbara Pietrzak, estraranino de UEA, ĉefa respondeculino pri la ĝemelurba agado en la subteamo Monda Evoluo
S-ro Stefano Keller, estrarano de UEA pri Monda Evoluo, Konsciigo: Komisiono pri Rilatoj kun Internaciaj Organizaĵoj (KRIO), Ĝemelaj Urboj
S-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro Wu Guojiang, komisiito de la projekto

## Kunlaboremuloj de la projekto

Je la kontinenta agado pri Ĝemelaj Urboj nun tri samideanoj volonte kunlaboras kun la projekto.
**Afriko**: s-ro Hassano Ntahonsigaye el Burundo ĉefe peras informojn, retadreso: ntahonsigayea@yahoo.fr
**Azio:** s-ro Hori Yasuo el Japanio, ĉefe raportas pri agadoj en la gazetoj, retadreso: Hori-zonto@water.sannet.ne.jp
**Eŭropo:** s-ro Luigi Fraccaroli el Italio, akcelas kontakton inter ĝemelaj urboj per evoluado kaj fortigado de personaj ĝemelrilatoj, retadreso: luigi.fraccaroli@esperanto.it

## Respondeculoj de Landaj Asocioj Pri Ĝemelaj Urboj

**Ameriko**
Argentino: s-ro Jorge Enrique Cabrera, retadreso: jeccenter@gmail.com
Kubo: s-ro Miguel Ángel González Alfonso, retadreso:miguelangel@esperanto.co.cu
**Azio**
Mongolio: s-ro Chimedtseren Enkhee, retadreso: enchjo@yahoo.com
Pakistano: s-ro Jawaid Eahsan, retadreso: saluton123@yahoo.com
Vjetnamio: s-ro Nguyen Xuan Thu, retadreso: autuno32@gmail.com
**Eŭropo**
Finnlando: s-ro Robert Bogenschneider
Francio: s-ino Raymonde Coquisart, retadreso: raymonde.coquisart@yahoo.fr
Nederlando: s-ro Pieter Engwirda, retadreso: pieter.engwirda@gmail.com

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

**Redaktoro**: s-ro Wu Guojiang
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
Telefono kaj Fakso:+86-024-52650322;
Retadresoj: ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com
**Provlego**: s-ro Robert Bogenschneider, retadreso: robog@gmx.de
**TTT-paĝo**: www.esperanto.fi/ghemelurboj/

NOVAĴO

La rimarikinda 100-a Universala Kongreso de Esperanto okazis de la 25-a de julio ĝis la 1-a aŭgusto 2015 en Lillo, Francio, kun 2 695 partoprenantoj kaj la temo: Lingvoj, artoj kaj valoroj en la dialogo inter kulturoj. Tra la kongresa semajno diversaj agadoj pri ĝemelaj urboj ne nur estas evidente videblaj, sed allogaj, eĉ fruktedonaj.

## La projekto en la 10-a Movada Foiro




Sabate la 25-an de julio okazis la 10-a Movada Foiro. Pli ol 120 landaj asocioj, fakaj asocioj kaj komisionoj prezentiĝis al la multnombra publiko. Ĉi-jare la budo de la projekto Ĝemelaj Urboj estis aranĝita tuj apud la budo de la kongreslanda asocio Espéranto-France. Sur la tablo troviĝas la okulfrapa etikedo Ĝemelaj Urboj, koloraj presaĵoj de la reta bulteno Informilo de Ĝemelaj Urboj. Vizitis tiun budon diverslandaj gekongresanoj, inter kiuj sep lasis la bultenojn por estonta kunlaborado, el Ĉinio kaj ĝia Taiwan, Belgio (2), Hispanio, Rumanio kaj Francio.

Tri samideanoj sur la foto, de maldekstre, Plamenka Vankova (Bulgario), Luis Hernandez (Hispanio) kaj Raymonde Coquisart (komisiito pri ĝemelaj urboj nome de Esperanto France) kune deĵoris por la projekto kaj akceptis la gekongresanojn ĉe la budo Ĝemelaj Urboj.

Raymonde Coquisart

## La 12-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj

Je 17:15-18:00, dimanĉo, la 26-a de julio 2015, en la salono Babin okazis la 12-a Kunveno de Ĝemelaj urboj (vidu foton-1). Pli ol 50 homoj partoprenis, inter kiuj estas kelkaj personoj pri ĝemelaj urboj, nome s-ino Barbara Pietrzak, la respondeca estraranino de UEA, s-ro Hori Yasuo, kunlaboranto de la projekto, s-ino Raymonde Coquisart, respondeculino de LA en Francio kaj s-ro Pieter Engwirda, respondeculo de LA en Nederlando.

Komence Hori Yasuo prezentis al la ĉeestintoj la jaran raporton senditan de Wu Guojiang, komisiito de UEA pri la projekto kaj la agadplanon por 2015-2016(vidu n-ron 55 Informilo de Ĝemelaj Urboj), kaj tuj sekve klarigis, kio estas la movado de Ĝemelaj Urboj. Poste okazis diskutoj. Pieter Engwirda klarigis la movadon per la paĝoj en Vikipedio. S-ino Mireille Grosjean (vidu foton-2), prezidantino de ILEI, diris, ke la paĝoj en la vikipedio montras nur strukturon, do estas grave, ke oni videbligu la movadon per konkretaj agoj. S-ino Zsófia Kóródy (vidu foton-2) el la Esperanto-urbo Herzberg klarigis laŭ sia spertoj, kiel havi kontakton kun esperantistoj en siaj ĝemelaj urboj. S-ro Cwik el Belgio proponis “Lingvajn

ambasadorojn de ĝemelaj urboj”. S-ino Elizabeth Karolyne Kodmon (vidu foton-3) el Hungario parolis pri kontaktoj de sia urbo Tata kun kelkaj ĝemelaj urboj. En iliaj paroladoj oni ankaŭ menciis 7 landajn asociojn de UEA , kiuj havas respondeculon pri tiaj kontaktoj kaj du bezonojn, listigi la fruktodonajn aktivaĵojn kadre de tiaj kontaktoj kaj "nutri" tiajn kontaktojn. Fine s-ino Barbara Pietrzak, respondeca estrarano, finis la kunsidon, instigante ĉiujn al pli da agado en tiu kampo.

Laŭ raportoj el Hori Yasuo, Raymonde Coquisart kaj Mirejo Grosjean



Foto-1 Foto-2 Foto-3

**Sukcese okazis la 2-a foto-ekspozicio “Ĝemelaj Urboj de Kongresurbo”**

Sub la diligenta laborado kaj klopodado de s-ino Raymonde Coquisart kaj ŝia edzo s-ro J. Coquisart, kaj la forta subteno kaj entuziasma partopreno de esperantistoj, de la 25-a julio okazis la 2-a Foto-ekspozicio “Ĝemelaj Urboj de Kongresurbo”, nome la Foto-ekspozicio “Ĝemelaj Urboj de Lillo”, vidu foton-1 kaj foton-2. Estis ekspoziciitaj 19 fotoj el 10 urboj kiuj havas ĝemelajn aŭ partnerajn rilatojn kun Lillo. Ili estas Rotterdam (Nederlando), Valladolid (Hispanio), Erfurt (Germanio), kaj Wrocław (Pollando), Cologne (Köln nomata en Germanio), Torino (Italio), Esch-sur-Alzette (Luksemburgio), Liège (Belgio), Leeds (Britio) kaj Kharkiv (Ukrainio).

Krome dum la UK bela letero subskribita far urbestro kaj donaco de Wrocław estis transdonitaj de s-ino Teresa Pomorsk al la reprezentantoj de la urbo(Vidu foton-3), fariĝis unika urbo realigi la projekton Ambasadoro de Urbo.

Laŭ raporto de Raymonde Coquisart



Foto-1 Foto-2 Foto-3

## Saluton al granda kunlaboro

Wu Guojiang

Fakto jam pruvas, ke granda kunlaboro neniam sendepende agadas. Ĝi povas flame inspiriĝi ofte en kunlaboro kun partneroj kaj grupoj, kaj kreas eblecon de miraklo. Tion refoje pruvas serio da agadoj pri ĝemelaj urboj dum la 100-a UK.

Sukcesa kunlaboro rezultas el persista laboro. Kiel oni bone scias la ĉi-jara Foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Lillo" estas sukcesa, sed kiom da personoj scias pri aferoj malantaŭ tiu sukceso? S-ino Raymonde Coquisart kiel membro de LKK jam havis multajn laborojn por fari, tamen ŝi prenis la taskon organizi la foto-ekspozicion reage al la alvoko de la projekto. Fronte al nekontentigaj reagoj ŝi neniam plendis, ankaŭ neniam konsideris la vorton forlaso, sed foje kaj refoje dissendis invit-alvokon. Ŝiaj agadoj kortuŝis la vic-prezidanton de UEA Stefan MacGill, li speciale aperigis prian informon en n-ro 22 Estrara Komuniko de UEA 2015. Ankaŭ la kongresa kuriero Belfrido en n-ro 2 anoncis okazon pri ĝi. Ŝiaj agadoj kortuŝis min malgraŭ tio, ke siatempe mi jam ne estis en la posteno de la komisiito (vidu Jarlibron 2014 de UEA), sed mi en nomo de la redaktoro de Informilo de Ĝemelaj Urboj reagis al la invito-alvoko de s-ino Raymonde per diversaj formoj, ekz. aparte invitis esperantistojn al la ekspozicio, kontaktis koncernajn oficistojn de la ĉina urbo Shenyang kaj rete sendis du fotojn al ŝi. Reirinte en la postenon nia kunlaboro tute estis en nevortigita akordo, ekz. per "respondo" ni kelkfoje dissendis tiun alvokon en la esperantaj listoj ĉe yahoogroup.com aŭ googlegroups.com. La rezulto estas bona, ĉar niaj komunaj agadoj kortuŝis multajn personojn, s-ro Edvige Ackermann el Italio reagis, s-ro Ian Fantom el Britio reagis, Kibuco Gaaton el Israelo reagis… s-ro Fabrizio A. Pennacchietti, la 77-jara emerita meritplena profesoro de la Universitato de Torino en Italio, ne nur indikis la du fotojn pri Torino, sed rekomende prezentis la belegan filmon "TORINO - pasia urbo" fare de Gian Piero Savio, kiu estas rigardebla ĉe https://vimeo.com/14586979 . Laste entute 19 fotoj el 10 urboj ekspoziciiĝis.

Sukcesa kunlaboro rezultas el senegoisma sindediĉo. Fakte ne ĉiu foto kolektita por la foto-ekspozicio estas kontentiga, kelkaj el ili ne estas kvalite taŭgaj por postulo de la ekspozicio. S-ro J. Coquisart (Permesu min tiel nomi lin, tamen ĝis nun mi ne scias lian tutan nomon, eĉ ne ricevis ajnan foton pri li, kvankam mi petis al s-ino Raymonde), edzo de s-ino Raymonde Coquisart, ne nur teknike traktis ilin, sed por altkvalite plenumi presadon de la fotoj konkeris kelkajn malfacilaĵojn, eĉ neimageblajn malfacilaĵojn, ekz. la temperaturo por presi la traktitajn fotojn estas malpli alta, ĉar 30 celsiusaj gradoj interne kaj 40 celsiusaj gradoj ekstere ne estas tre oportunaj. Cetere li fotis agadojn dum la kongreso por la bulteno. Mi ne sciis ke s-ro Plamenka Vankova (Bulgario) kaj s-ino Luis Hernandez (Hispanio) silente deĵoris por la projekto en la Movada Foiro ĝis kiam s-ino Raymonde Coquisart sendis al mi raportojn, kaj ĝis nun ili ambaŭ sciigis min pri ilia agado. Ili silente kontribuis al la projekto.

Sukcesa kunlaboro rezultas el sincera helpo. Ĉi tie kun admiro kaj danko mi plue menciu nian estimatan Raymonde Coquisart. En preparo por la foto-ekspozicio ŝi ne hezite prenis alian taskon: deĵori por la projekto en la Movada Foiro post kiam ŝi komprenis la foreston de la komisiito al la kongreso. Estas imagebla kiel okupata ŝi estis en la somero de 2015, la taskaro destinas ke ŝi pasigos streĉan kaj fruktedonan julion. Fakto estas tiel vera, oni vidas la fotojn ekspoziciitajn tra semajno, oni legis kaj akiris la presaĵojn de Informilo de Ĝemelaj Urboj en la Movada Foiro. Havinte la saman komprenon al la neĉeesto de la komisiito s-ro Hori Yasuo refoje eletendis la helpajn manojn kaj anstataŭis lin prezidi la 12-an Kunvenon de Ĝemelaj Urboj. Nemalmultaj personoj sciis ke li estos tre okupota antaŭ/dum la kongreso, ĉar li partoprenos en la 48-a Konferenco de ILEI kaj tie prelegos, ĉar li prezidos kunsidon de Esperanto-Sumoo kaj kantadon de la Espero, prelegos en Kleriga Lundo, partoprenos en aliaj aranĝoj…sed por okazo de la kunveno de Ĝemelaj Urboj li elpremis tempon kaj faris sufiĉan preparon. Li trifoje ŝanĝis la enhavon de la kunveno, kelkajn tagojn antaŭ ol flugi al Belgio li "vokis" min kaj diskutis kun mi pri la detaloj de la kunveno. Post la kongreso li en la unua tempo sendis raporton pri la kunveno. Li resume kaj modeste diris: "mi prizorgis la kunsidon sed ne tre sukcese, ĉar mi ne havas sufiĉan sperton pri tiu kampo…", sed kiel s-ino Mireille Grosjean taksis tiel: la kunveno estis tre fruktodona.

Sukcesa kunlaboro rezultas el subteno kaj instigo. UEA renomis min komisiito de la projekto Ĝemelaj Urboj en la marta estrarkunsido. En malpli ol kvar monatoj mi sentas min iom streĉa en kunordigo de kelkaj agadoj pri ĝemelaj urboj en la kongreso, eĉ iun premon, sed poste pro entuziasma partopreno de nemalmultaj samideanoj kiel la supremenciitaj personoj mi sentis trankvilon, ĉar kiel oni vidis, s-ino Claude Nourmont ĉiam instigis niajn samideanojn ankaŭ, forte subtenis niaj agadojn ankaŭ, ĉar s-ino Anna Löwenstein ankoraŭ pacience atendis eĥon el mi kiam ni maltrafus la aliĝan limdaton, kaj laŭ mia volo rearanĝis la tablojn: la projekto Ĝemelaj Urboj tuj apud la kongreslanda asocio(Espéranto-France), ĉar s-ro Clay Magalhães trankviligis kaj emociigis min ankaŭ per serioza kontrolo kaj la finfina konfirmo: la tempo por okazigi la kunvenon de Ĝemelaj Urboj ne kolizios kontraŭ tiuj agadoj kiujn s-ro Hori Yasuo partoprenos aŭ prezidos, la kunveno okazos sen problemo.

Nia s-ino Barbara Pietrzak silente akordigis aktivajn motorojn kaj instigis niajn samideanojn. Ŝi firme subtenis mian ideon: Ne interrompiĝu la kunveno de Ĝemelaj Urboj malgraŭ la resta nelonga tempo, ni klopodu kune por tio. Post plurmonata laborado de Raymonde Coquisart la projekto Ambasadoro de Urboj, kiun s-ino Barbara Pietrzak transprenas kaj prizorgas, havis progreson: dum la kongreso la pola urbo Vroclavo transdonis mesaĝon kaj donacon al la reprezentantoj de la urbo Lille. Tiu rezulto devas veni el ŝiaj prizorgo kaj kunlaboro kun Raymonde Coquisart. Mi aparte substrekas, ke s-ino Barbara Pietrzak havas (kun)laboran arton kaj gvidan kapablon. Ŝi grave kontribuis por stabiligi la evoluon de la projekto. Probable en la estonteco mi multlinie mencios tiun kontribuon priparolante la evoluan historion de la projekto. Mi nur esprimas al ŝi: mi volonte laboras "ĉe" ŝi, mi volonte kunlaboras kun ŝi.

Signifo de kunlaboro kuŝas en sindediĉo kaj solidareco. Signifo de kunlaboro kuŝas en

interkredo kaj interkompreno, kaj en aliro al pligranda sukceso. Ĉi tie mi esprimas la plej elkoran dankon al ĉiu samideano kiu donis diversajn subtenon kaj prizorgon al agadoj de la projekto dum la kongreso, kaj la plej noblan saluton al tiu ĉi granda kunlaboro!

## URBESTRO KAJ ESPERANTO

### Urbestroj kaj la unua UK



La unua Universala Kongreso de Esperanto okazis de la 7-a ĝis 12-a de aŭgusto 1905 en Bulonjo-ĉe-Maro kun 688 esperantistoj el 20 diversaj landoj. Ĝi oficiale malfermiĝis sabaton vespere la 5-an de aŭgusto en la urba teatrejo. La teatrejo tiam estis plenega.

Krom prezidanto Farjon de la komerca ĉambro, prezidanto Alfred Michaux de la bulonja Esperanto-grupo, kaj reprezentantoj de la tri asocioj patronantaj la Kongreson: generalo Sebert el la franca instituto, reprezentanta la francan Turing-klubon, vicprezidanto Théodore Cart de la Franca Societo por Propagando de Esperanto kaj prezidanto Charles Bourlet de la pariza Esperanto-grupo, dum la inaŭgura kunsido staris sur la scenejo la bulonja urbestro Péron, vicurbestro Bilbocq ankaŭ kune kun L.L. Zamenhof. La urbestro elvortis bonvenon al la kongresanoj. Plejeble Péron estas la historie unua urbestro kiu ĉeestis al la Esperanto-aktiveco ekde la naskiĝo de Esperanto. (Noto: post longa serĉado la redaktoro ne trovis la tutajn nomojn de la urbestro s-ro Péron kaj la vicurbestro Bilbocq, por la kompleta materialo, informu lin se vi havas fadenon)

El http://www.lve-esperanto.org/lille2015/eo/memoro/1905-parolado-zamenhof.htm

### Urbestroj kaj la centa UK

Je la deka horo en la 26-a de julio, dimanĉo, la centa Universala Kongreso de Esperanto estis inaŭgurita. La solenaĵon partoprenis kaj faris la salutparolon la Alta Protektanto de la Kongreso, s-ro Frédéric Cuvillier, eksministro, deputito kaj urbestro de Bulonjo-ĉe-Maro.

Li diris interalie: “Vi kiel reprezentantoj de la esperantistaro sentu vin hejme en Bulonjo-ĉe-Maro.” Plie li aludis al la granda jubilea kongreso (vidu noton) el 2005 kaj konigis planon pri starigo de E-kulturdomo en tiu historie grava urbo. Laste li parolis la du lastajn frazojn en Esperanto. Tradukis la vortojn Brian Moon (vidu la suban foton).

Post la solenaĵo la urbestro kun la kelkcenthoma publiko promenis tra la urbocentro ĝis la stacidomo, kie Zamenhof kaj aliaj eltrajniĝis por la unua kongreso. Tie staras monumento pri tiu evento. Tie li partoprenis ceremonion, en kiu oni malkovris novan ŝildon por memorigi la nunan viziton kaj metis florkronojn. Poste li akceptis la kongresanojn en la urbodomo.

Ankaŭ tie la prezidanto de UEA, Mark Fettes, s-ro L.C. Zaleski-Zamenhof, nepo de

Ludoviko Zamenhof, Xavier Dewidehem, prezidanto de LKK, venis al la urba teatro de Bulonjo-ĉe-Maro kune kun la kongresanoj omaĝaj al tiu unika evento kaj reaŭskultis la tutan prelegon de Ludoviko Zamenhof el la 5a de aŭgusto 1905 laŭtlegitan de Brian Moon. Salutis s-ro Luc Tassart, respondeculo pri Internaciaj Rilatoj kaj la vicurbestrino, s-ino Odette Caerou.

S-ro Jozef Dvonč, la urbestro de Nitro, la kongresurbo de la 101-a UK, partoprenis en la solena fermo de la kongreso kune kun s-ro Stano Valo, ambasadoro de Slovakio en Belgio. Tie ili ambaŭ ne nur vidis okazon de la transdono de la flago, sed salutis amplekse en tute laŭdinde bona Esperanto.

(Laŭ raportoj el http://www.libe.slikom.info/Esperanta%20ligilo/2015/0715.htm, n-ro 30 Estrara Komuniko 2015, n-ro 5 kaj n-ro 7 kongresa kuriero Belfrido, kaj http://esperanto.cri.cn )

(Noto: en la 22-a kaj 25-a de marto 2015 en Bulonjo-ĉe-Maro li mem ĉeestis la internacian amikecan renkontiĝon Boulogne 2005 por memorfesti la centjariĝon de la unua Universala Kongreso de Esperanto. Vidu la paĝon http://boulogne2005.online.fr/eo/ )



**Frédéric Cuvillier (maldekstre) kaj Brian Moon en la malfermo**



**Jozef Dvonč en la fermo**

## Salutvortoj de la urbestro de Herzberg

Estimataj partoprenantoj de la 100-a Universala Kongreso de Esperanto en Lillo, Francio,

Kiel nova urbestro de Herzberg am Harz, laEsperanto-urbo, la unuan fojon mi sendas korajn salutojn al vi kaj okaze de la grava jubileo de via tutmonda agado, la 100-a Universala Kongreso.Mi gratulas vin pro la taŭge elektita ĉeftemo Lingvoj, artoj kaj valoroj en la dialogo inter kulturoj, kiu reflektas la aktualecon de la bezono de tia dialogo ne nur en la nuntempa Eŭropo, sed ankaŭ kun loĝantoj de aliaj mondpartoj.

Estrante urbon, kiu havas multnacian loĝantaron kaj kien daŭre alvenas novaj homoj, familioj kun diversaj lingvaj kaj kulturaj fonoj, mi ĉiutage spertas la malfacilaĵojn pro tiuj diversecoj, kaj bone vidas la unikan rolon de Esperanto kiel neŭtrala komunikilo, pontolingvo, perilo por artoj kaj kulturaj valoroj.

Ni certas, ke per nia ekzemplo kiel 'Esperantourbo' ni multe kontribuas al via tutmonda

agado por Esperanto.

Ne eblos organizi en nia urbo la mondkongreson, sed volonte ni subtenos la organizadon de internaciaj Esperanto-konferencoj, seminarioj kaj renkontiĝoj kaj en la jaro 2016 la 10-jaran jubileon de la kromnomo Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo.

Dezirante al vi sukcesan jubilean kongreson en Lille,

Lutz Peters, urbestro de Herzberg am Harz, la Esperanto-urbo

El n-ro 7 kongresa kuriero Belfrido

## Letero de la komisiito al la urbestrino de Lillo

2015-7-2

Estimata urbestrino sinjorino Martine Aubry,

Post pli ol 20 tagoj la 100-a Universala Kongreso de Esperanto (UK) solene okazos en la urbo gvidata de vi, Lillo. Mi esprimas koran gratulon al vi.

Kiel vi bone scias la agado de ĝemelaj urboj estas grava internacia agado. Lillo estas kaj subtenanto kaj praktikanto de tiu ĉi agado, ĉar ĝi havas ĝemelan aŭ partneran rilaton kun dek kelkaj urboj en 14 landoj. Certe, estis ankaŭ diskutita ĝemeliĝo inter Lillo kaj aliaj urboj, ekz. la urbo Shenyang en Ĉinio.

Depost la 60-aj jaroj de la 20-a centjaro Esperanto estis sukcese uzata en interurba ĝemeliĝo kaj interŝanĝo inter ĝemelaj urboj. Ĝemeliĝo inter Vierzon (Francio) kaj Kamienna Góra (Pollando) per Esperanto estas unu el la plej bonaj modeloj. Universala Esperanto-Asocio akcelas kaj instigas Esperanto-aplikon en tiu kampo per efikaj laboroj kaj agadoj, ekz. starigo de la projekto Ĝemelaj Urboj, okazoj dum la UK pri Kunveno de Ĝemelaj Urboj kaj la Foto-ekspozicio de "Ĝemelaj Urboj de la kongresurbo" kaj tiel plu.

La urbodomo de Lillo subtenas Esperanto-utiligon en tiu kampo. Tion sufiĉe pruvas unu ekzemplo, ke s-ino Martine Filleul, vicurbestrino de Lillo, persone respondis leteron el s-ro Claude Longue-Epee, la loka esperantisto, kiu dum la 93-a UK en 2009 estis oficiale akceptita de s-ino Jantine Kriens, vic-urbestrino de Rotterdamo, la nederlanda ĝemelurbo de Lillo. En tiu respondo la vicurbestrino Martine Filleul emfazis la gravecon de ĝemelaj urboj kaj kuraĝigis la esperantistojn de Lillo atente sekvi kaj aktive partopreni la estontajn priĝemeliĝajn agadojn de Lillo.

Estimata urbestrino, la 100-a UK ne nur estas ĉefkunveno de la tutmondaj esperantistoj, sed ankaŭ sanĉo akceli kaj fortigi interŝanĝon inter ĝemelaj urboj. Ĉiu agado de ĝemelaj urboj, inkluzive de la Foto-ekspozicio Ĝemelaj Urboj de Lillo, estas bone kaj aktive preparata. Tio estos granda kuraĝigo kaj kontribuo al la Esperanto-movado kaj la agado de ĝemelaj urboj se vi konsideras inviti la urbestrojn de la ĝemelaj urboj al la kongreso, akcepti esperantistojn de la ĝemelaj urboj kaj ĉeesti al agadoj de la projekto Ĝemelaj Urboj dum la kongreso.

La Lilla UK estos senprecedenta en tiu ĉi centjaro, ĉar ĝi allogas cirkaŭ 3000 esperantistojn el pli ol 80 landoj; la Lilla UK estos kronota kun eterna gloro, ĉar ĝi estos startpunkto al la dua centjariĝo de la UK. Vin arde atendas la kongresanoj, vin arde atendas la projekto

Ĝemelaj Urboj. Mi kore bondeziras:

Plenan sukceson al la kongreso.

Sanon kaj feliĉon al vi, estimata urbestrino de Lillo.

Prosperon kaj progreson al la granda Lillo

URBA STILO KAJ TRAJTO

## Jara Raporto de la projekto Ĝemelaj Urboj en 2014

Wu Guojiang

**Konsciigo**

**Diskutita estis la projekto en la estaro de UEA**. En la marta kunsido la estraro diskutis la la projekton kaj elmetis al ĝi kvin prioritatajn taskojn, t.e.

(1) Altigi la konscion kaj komprenon de la E-komunumoj pri la ĝemelurba fenomeno, kiel interkultura porpaca agado okazanta multloke kaj multlingve.

(2) Instigi la esperantistojn aliĝi al tiu agado per kontaktado de esperantistoj en la ĝemelaj urboj, ĝemelaj vilaĝoj pere de komunaj projektoj, interŝanĝoj, kiuj envolvas ankaŭ administrantojn de ĝemelaj urboj.

(3) Kadre de la lokaj, landaj kaj regionaj E-aranĝoj organizi trejnrenkontojn pri la organizado de komunaj ĝemelurbaj projektoj kaj interŝanĝoj; pri la starigado de ĝemelurbaj kontaktoj pere de Esperanto

(4) Utiligi konsilcele por evoluigo de la ĜU-agado tiajn eventojn dum la Universala Kongreso kiel Movada Foiro kaj kunsidoj de la Subkomitatoj: Konsciigo, Kapabligo, Komunumo.

(5) Krei apartan paĝon Ĝemelaj Urboj ĉe uea.org; listigi en ĝi la ekzistantajn ĜU-urbajn kontaktojn pere de Esperanto kun la eblo aktualigi la liston; Disponigi spertojn el la ĝisnuna agado de Ĝemelaj Urboj en la formo de konkretaj ekzemploj de ligitaj (kaj funkciantaj) kontaktoj pere de Esperanto (ekzemple baze de Informilo pri Ĝemelaj Urboj).

Krome en la fino de januaro s-ino Barbara Pietrzak, estraranino de la Asocio, akceptis la ĉefan respondecon pri la ĝemelurba agado en la subteamo Monda Evoluo kun la laboroj Unesko kaj UN/Unesko.

**Videblaj estas la projekto dum la 99-a UK** per partopreno en la 9-a Movada Foiro, okazigo de la 11-a kunveno de Ĝemelaj Urboj kaj organizo de la 1-a Foto-ekspozicio Ĝemelaj Urboj de la kongresurbo, nome la Foto-ekspozicio Ĝemelaj Urboj de Bonaero.

**Atentaj estis la laboroj de la komisiito**. Interalie kvar numeroj da Informilo de Ĝemelaj Urboj estis redaktitaj kaj legitaj de pli ol 2000 legantoj en 128 landoj. Entue 87 esperantistoj el 41 landoj reagis al la projekto, ekz. post vizito al la Andersen-parko en la japana urbo Funabashi s-ino Mireille Grosjean el Svislando deziras starigi triangulan ĝemeliĝon de Le Locle en Svislando, Odense en Danlando kaj Funabashi en Japanio per la helpo de lokaj esperantistoj. Li prelegis al la publiko pri Esperanto kaj Ĝemelaj Urboj en la kunsido la

Esperanto-tago okazigita de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio krom aperigo de kelkaj informoj en la listoj.

**Kapabligo**

Ĝis la fino de la jaro 2014 entute 10 landaj asocioj starigis respondeculojn pri tiu kampo. Ili estas Argentino kaj Kubo en Ameriko, Mongolio, Pakistano kaj Vjetnamio en Azio, Finnlando, Francio, Italio, Nederlando, kaj Svedio en Eŭropo. Krome 3 samideanoj, nome s-ro Hassano Ntahonsigaye el Burundo, s-ro Luigi Fraccaroli el Italio kaj s-ro Hori Yasuo Japanio, kiel kontinentaj kunlaboremuloj de la projekto aktivas en Afriko, Eŭropo kaj Azio.

Okazis la 9-a Somera Arbara Lernejo inter ĝemelaj urboj Herzberg (Germanio) kaj Góra (Pollando) kun po 7 lernejanoj kaj 2 instruistoj el ambaŭ urboj.

Danke al s-ro Pieter Engwirda oni povas legi kelkajn enhavojn pri ĝemelaj urboj en la retejo de UEA: http://uea.org/vikio/index.php/%C4%9Cemelaj_Urboj

**Komunumo**

**Kelkaj renkontiĝoj estas rimarkindaj.** Changzhou-a Esperanto-Asocio en Ĉinio sendis delegacion, vizitis la japanan ĝemelurbon Takatuki kaj tie estis entuziasme akceptita de loka Esperanto-organizaĵo, nome Esperanto-societo en Takatuki en julio, kaj en novembro akceptis esperantistinojn el la japana ĝemelurbo Tokorozawa. La asocio helpe starigis ĝemelan rilaton inter Changzhou-a Turisma kaj Komerca Kolegio kaj Lower Columbia College en Usono kaj inter la distrikto Qishuyan de Changzhou kaj la usona urbo Longview. Esperantistoj el Ĉamberio en Francio partoprenis en la Zamenhof-festo okazinta en decembro en la itala ĝemelurbo Torino. Okaze de la 101-a Japana Esperanto-Kongreso eperantistino el Tianjin, Ĉinio, renkontiĝis kun esperantistoj el la japana ĝemelurbo Kobe. Ili interŝanĝis informojn pri la Esperanto-movado en la du urboj.

**Partopreno de urbestroj pruvas ilian signifan rolon en la Esperanto-movado kaj la agado de ĝemelaj urboj**. Interalie s-ro Lutz Peters, nove elektita urbestro de Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo, emfazas la du aktivecojn per ĉeesto al la malfermo de la ekspozicio "Medalarto kaj Esperanto" kaj al kunsido de la estraro kaj la kuratoraro de la fondaĵo Esperanto-urbo, kaj per vizito al la pola ĝemelurbo Góra kaj interŝanĝo kun ĝia urbestrino Irena Krzyszkiewicz. La vic-urbestrino de la franca urbo Hérouville-Saint-Clair ĉeestis al la inaŭguro de Skvaro Esperanto. Ĝin partoprenis esperantistoj el la rusa ĝemelurbo Tiĥvin.

**Starigita estas kunlaboro**. Liaoning-provinca Esperanto-Asocio de Ĉinio (LEA) kaj Shenyang Ampleksa Ligita Zono de Ĉinio (SALZ) oficiale starigis kunlaboron. SALZ per Esperanto starigas patnerajn rilatojn kun eksterlandaj Ligitaj Zonoj, antaŭpuŝas kaj akcelas ĝemeliĝon de urboj en la ekonomia zono kun eksterlandaj urboj.

**Kunordigo**

Por sukcesigi la 1-an foto-ekspozicion pri ĝemelaj urboj de la kongresurbo la projekto mobilizis diversajn faktorojn. Rezulte LKK de Argentina Esperanto-Ligo ricevis multajn fotojn kaj librojn. Indas mencii, ke tiucele s-ro Jorge Enrique Cabrera, prezidanto de LKK kaj prezidanto de Argentina Esperanto-Ligo, faris multajn laborojn. S-ro Clay Magalhães el UEA ankaŭ partoprenis en tiu preparo.